TRIMONATA, KULTURA KAJ MOVADA REVUO

# La LAMPIRO

48-a jaro n-ro 119 2007

## Vino vekas veron

## Aplikado de Esperanto en Religioj kaj Filozofioj



## La alkemio de Literaturo

JUBILEO DE easp

# La LAMPIRO

48-A JARO N-RO 119 2007

*Oficiala Organo de EASP*
*(Esperanto-Asocio de San-Paŭlo)*

*Trimonata, kultura kaj informa publikigaĵo, senpaga por membroj de EASP*

**ĈEFREDAKTORO:**
Genildo Martins Coelho
genildomcoelho@uol.com.br
Tel. (11) 6091-6420

**REVIZIANTOJ:**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**KOMPOSTADO:**
Joseo Tenorjo

**REDAKCIO:**
Rua Faustolo, 124
05041-000 - São Paulo - SP
**Retpoŝto:** lalampiro@easp.org.br

**ABONU "LA LAMPIRO"-N!**
Brazila abontarifo por 2007: R$ 30,00
Unuopa ekzemplero: R$ 10,00

*La Redakcio ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*




# EASP

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
*Fondita en la 29-a de Marto 1937*
**www.easp.org.br**

**PROPRA SIDEJO:**
Rua Faustolo, 124 - Lapa
05041-000 São Paulo - SP - Brazilo
**Telefono-fakso:** +55 (0 xx11) 3862-1183
**Retadreso:** contato@easp.org.br



**ALIĜU AL EASP!**
**Membro-kategorioj** (monate):
Kat. 1 (Simpla membro)................R$ 10,00
Kat. 2 (Kunlaboranta Membro).....R$ 12,00
Kat. 3 (Helpanta Membro)............R$ 17,00
Kat. 4 (Subtenanta Membro).........R$ 22,00
Kat. 5 (Nur por ŝtatinternanoj)*...R$ 5,00/3,00
Kat. 6 (Aliĝinta Asocio)...............R$ 20,00 jare

- Jara antaŭpago (R$ 102): ...........15% rabate
- Sesmonata antaŭpago (R$ 108): ..10% rabate

*Por ĉiuj, kiuj ne loĝas en la regiono "Granda San-Paŭlo"

**DEĴORADO KAJ BIBLIOTEKO "GILBERT KAJ SYMILDE LEDON":**
De lundo ĝis sabato, de la 15-a ĝis la 18-a horo.

# Enhavo

## ARTIKOLOJ:



## POEMOJ:



## KAJERO "MOVIMENTO"



**KOVRILFOTO:** La brazila verkisto Paulo Coelho

# Pri Elvira Fontes

**José Dias Pinto**
*Santo André/SP*

Mi ne scias ĉu ŝi mortis serene, sed certe serene kaj serenige ŝi vivis.

Palbruna, malalta kaj maldika, ŝi tute ne estis impona figuro. Spontane natura neparademo kongruis kun la fizika aspekto kaj kontribuis al tio, ke ŝi ne lasis en alies memoroj multe da spuroj de la unuaj renkontiĝoj.

Almenaŭ tiel estis koncerne min. Mi certe ekkonis ŝin en la komenco de ŝia poresperanta laborado, kiun ŝi komencis, mi kredas, tuj post sia interesiĝo pri la lingvo, sed mi tute ne memoras pri la cirkonstancoj. Dum ŝia pli ol kvardekjara agado mi malmulte kunvivis kun ŝi, sed iom post iom konstatis, ke, malantaŭ tiu modesta eksteraĵo, estas homo kapabla vigle labori kaj persiste sin dediĉi al taskoj ne ĉiam plezurdonaj, kiel, ekzemple, pacience instrui pigrajn kaj lingve ne talentajn lernantojn.

Ne estas inter ni multaj homoj kiujn oni unuanime opinias -- sen sedoj, sen tamenoj -- estimindaj. Ne nur pro la granda nombro da esperantistoj kiujn ŝi akuŝe enesperantujigis. Per rekta instruado, per stimulado, per la asistado al aliaj instruistoj, per la prilaborado de lernolibroj. Pri ŝi estis certe unuanimeco inter la esperantistoj, ke ŝi, eĉ okaze de persista defendo de ideoj ne de ĉiuj aprezataj, kaptis kaj tenis estimon, simpation. Anstataŭ altrudo, rideto. Ĉi tiu pli efika ol la alia. Tiaj ridetoj kiuj, kvazaŭ retorika rimedo, vene de timiduloj, laŭcirkonstance agas persvade aŭ pardonige, iel mildige al vortoj kaj sintenoj, ĉiam serenige.

Al la honorigaj distingoj de UEA kaj EASP, dumvive ricevitaj, ni aldonu nian postmortan omaĝon.



# Paŝanta rideto

**James Rezende Píton**
*UEA-Ĉefdelegito por Brazilo*
*Campinas-SP*

Kiam mi unuafoje renkontis s-inon Elvira, mi estis esperantisto de nur du jaroj. Ni estis en Salvador, por mia unua Brazila Kongreso de Esperanto, en 1990. Mi submetiĝis al ekzameno pri la baza, gvidata de ŝi. Tuj impresis al mi tiu respektinda sinjorino, fizike simila al miaj praonklinoj, kiu preskaŭ ĉiun frazon, eĉ admonojn kaj rekomendojn, prononcis kun rideto. Nur iom poste mi malkovris, ke tiu malgrandulino fakte reprezentis giganton en la moderna historio de Esperanto en Brazilo. Kaj tiun memorindan rideton mi revidis en kelkaj aliaj okazoj, bedaŭrinde ne tiom ofte dum ŝiaj lastaj vivojaroj, kiujn kronis la Honora Membreco de UEA.

Karaj Samideanoj,

Kvankam hodiaŭ mi estas en Tokio, miaj pensoj, koro kaj preĝoj kuniĝas kun ĉiuj vi, por adiaŭi (nian) tre estimatan Elvirinha, kiun feliĉe mi vizitis du tagojn antaŭ ekvojaĝi, kaj mi kunportis al ŝi sian mansakon de aliĝinto al BKE/RJ. Ankaŭ nun, mi kunportas ŝian mansakon, kun Kongresa libro, de aliĝinto al UK/2007, kiun mi intencis transdoni al ŝi, tuj poste mia alveno al Brazilo.

Certe ŝi survojas al Esperantujo, en Supera Mondo.

Kore,
Aparecida Araujo,
El Japanio

# Elvira Fontes (1916-2007)

**José Martins Coelho**
*Unua Kasisto de EASP*

## NEKROLOGO

Emerita instruistino, Elvira Fontes naskiĝis en Bauru-SP (Brazilo), la 21an de Julio 1916 kaj mortis en São Paulo-SP (Brazilo), la 25an de Aŭgusto 2007. Ŝi esperantistiĝis en 1960 kaj de tiu tempo ĝis 2002 (kiam ŝi, pro sanaj problemoj, ĉesigis sian agadon ĉe nia asocio) laboris ĉiutage por Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP), do ŝi konsumis siajn plej bonajn vivjarojn laborante ne nur por EASP, sed por la brazila kaj internacia esperanto-movado.

Ŝi debutis en la estraro de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo en la periodo 1970-1971, en la posteno de kasisto. En la periodo 1972-1973 ŝi okupis la postenon de 2-a Sekretario.

Maldika, malalta, sed plena de talento kaj energio, de 1974 ĝis 1983, ŝi brile okupis la prezidantecon de EASP kaj fariĝis respondeculino por la instruado, kursoj kaj organizado de esperantaj eventoj.

Ŝi multe helpis la diskonigon de Esperanto per gazetoj, radio kaj televido.

De 1973 ĝis 1979 ŝi redaktis la revuon LA LAMPIRO

Ŝi estis membro de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) kaj ties reprezentanto ĝis 2002 kaj dum multaj jaroj okaze de Brazilaj kongresoj de Esperanto, ŝi multe helpis BRAZILA-n ESPERANTO-LIGO-n) (BEL) zorgante pri esperantaj ekzamenoj.

Kiam ŝi reprezentis ILEI, ŝi redaktis kaj reviziis, dum kvar jaroj, la revueton MILDE.

Verkistino, ŝi verkis kaj eldonis du lernolibrojn: Unuaj Paŝoj (7a eldono 2001) kaj Survoje al Esperantujo (2a eldono 2000) , kiuj ankoraŭ estas multe uzataj en esperantaj kursoj.

Ŝi estis membro de Universala Esperanto-Asocio (UEA), VD de tiu asocio dum pli ol 30 jaroj kaj ankaŭ FD dum sia tuta esperanta vivo. Ŝi ankaŭ estis honora membro de UEA, BEL kaj EASP.

Ŝia malapero malriĉigas la esperantan scenejon.

Nome de EASP kaj ties membraro, ni prezentas al ŝiaj gefamilianoj niajn plej sincerajn kondolencojn.




Krom sinonimo de bonkoreco kaj simpatio, Elvirinjo estis sinonimo ankaŭ de klereco kaj pacienco. Mi rememoras ŝin kiel paŝantan vortaron. Kiam, dum babilado aŭ legado, al ni mankis iu vorto, anstataŭ konsulti vortaron, ni pigreme turnadis nin al ŝi. Plej ofte ŝi rapide elturniĝis antaŭ niaj gapantaj okuloj. Foje, la solvo ne venis tuj, sed meze de iu leciono. Tiam ŝi petis permeson al la gelernantoj, aliris la vorto-demandinton por flustri al li la eltrovon, kaj plej diskrete revenis al sia leciono. Alifoje, kiam la bezonata esprimo postulis ne mensan tralegadon de kelkcentoj da malnovaj paĝoj, sed vortokreemon cele forĝi la novan esprimon, ŝi promesis esplori la temon hejme. Post du-tri tagoj, kiam la demandinto eĉ forgesis pri la afero, ŝi telefonis meze en la nokto por regali lin per la vorteltrovo. Tia estis Elvirinjo.

*Joseo Tenorjo*

# Transformiĝo

*Heloisa Seixas*



*Tradukis:*
**Aloisio Sartorato**
*Rio de Janeiro-RJ*

Eble mi sonĝis, pensis la virino. Aŭ estis iu sonĝo ene de iu sonĝo, ene de alia sonĝo. Sed eble ne.

Ŝi denove paŝis ĝis la fenestro kaj rigardis la senhoman straton tie malsupre. Sur la fronta trotuaro, iu almozulo dormadis sur tirĉareto, plene rondkuŝiĝinta, meze de paperstakoj kaj rubaĵsakoj. Li mem aspektis kiel rubaĵsako, io nehoma. Sed li ja estis homa. Por ŝi, por la virino, li estis nedubinde pli homa ol tio, kio minacas ŝin. Vere la dormanta almozulo, la parkitaj aŭtoj, la kvieteco de la strato mem, ĉio transdonis al ŝi iun senton de normaleco, preskaŭ de sekureco. Eble ŝi devus elhejmiĝi. Alfronti la nokton tutsole. Eble estus pli sekure.



Ŝi turnis sin kaj rigardis la malplenan vivĉambron, kiu estis malantaŭ ŝia dorso, la bluecan duonlumon, kiu devenis de la komputila ekrano. Kaj demandis al si mem kiamaniere ŝi pasigos la mankantajn horojn ĝis la mateniĝo. Sed multe pli ol tio, kiamaniere ŝi sukcesos distingi kio estas kaj kio ne estas reala – resti sana.

Kaj ĉefe ne cedi al la emo relegi tion, kion ŝi skribis.

Kiam ŝi komencis verki la terur-rakonton, ŝi ne antaŭsupozis tion. Ŝi jam estis farinta similajn aferojn plurfoje. Kaj kiam ŝi verkis, ŝi ne timis, samkiel okazis pasintece. Sed ĉifoje la rakonto temis pri iu verkisto. Verkisto kies temoj estis terur-rakontoj. Kaj kiu iam vidis la materiiĝon de la personoj de siaj rakontoj. Eble tie kuŝis la diferenco.

Streĉe tordante la manojn, ŝi alproksimiĝis al la komputilo. Tre proksime al la ekrano ŝi glitigis la fingrojn sur la klavaron. Ŝi ne sidiĝis. Ŝi tuŝis la muson kaj kondukis la montrilon ĝis malgrandan dosierujon kaj, ankoraŭ stare, malfermis la dosieron. Aŭtomate, preskaŭ neperceptante kion ŝi estas faranta, ŝi plian fojon rekomencis la legadon. Kaj, kiel antaŭe, okazis denove la nekonscia transformiĝo.

Probable ŝi estis ferminta la okulojn dum ero de sekundo kaj, malferminte ilin denove, ŝi ne plu estis la sama persono, ŝi ne plu staris en la vivĉambro, meze de la nokto. Ŝi piediris surstrate – iu nekonata strato, kiu ne apartenis al ŝia mondo. Kaj ŝi plene estis konscia pri iu terura danĝero – supernatura, nekontrolebla, kiu atendadis ŝin. Ŝi malvarme ŝvitis, glaciiĝis ŝiaj fingro-pintoj. Kaj mallevante la okulojn, ŝi rigardis la proprajn manojn.

Kaj ili estis viraj manoj. Aliulaj manoj. Kaj en tiu momento ŝi estis tutcerta, ke ŝi estas travivanta la rakonton, kiun ŝi verkis.

Tute nevole, ŝi estis trapasinta la limon.

# La misio de instruistino

*Dom José Gaspar*

*Tradukis:*
**Fernando J.G. Marinho**
*Rio de Janeiro-RJ*



El ĉiuj artoj, instruado estas, sendube, unu el la plej admirindaj. Ĝi floris dum tiuj gravaj jarcentoj de Mezepoko, kiam koncernis la monaĥojn la glora tasko kopii kodeksojn.

Tuj post la kanonikaj horoj, la monaĥoj dividis sin en du grupoj. Kelkaj foriradis al la kampoj, kaj aliaj al la "scriptorium"(skribejo), ĉar la klostra leĝaro ne akceptis aliajn alternativojn: plugilo aŭ plumo."Paginam pingat digito que terram non proscindit arato".

("Kiel skribado ne povas malhavi literon, tiel la grundo ne povas malhavi plugilon")

La "scriptorium" estis vasta volba ĉambro kun longaj kaj ĉarmaj ogivoj, kiuj daŭre sorbadis la balzaman aeron fontantan el la mona eja arbaro



Tie la religiuloj, apartigitaj laŭ du klasoj, silente laboradis por la estonteco.

Koncernis la kodekso-skribistojn, aŭ kopiistojn, la metio transkribi la malnovajn kodeksojn, ĉiam lasante blankan spacon por la ĉeflitero de ĉiu ĉapitro, ĉar koncernis la miniaturistojn desegni kaj ornami tiun literon.

Kian mirindan laboron faris la monaĥa artisto! Klinita super la desegnotablo, dum pluraj horoj, senĉese rigardanta la pergamenon, li laboris por desegni, sur tre malgranda spaco responda al la limoj de uma sola litero, sian grandan inspiron.

Li akcentis tonojn, faris konturojn, alĝustigis liniojn, kaj je la fino, tiu litero ja sinprezentis kiel arta juvelo.

Sur malgranda spaco li pentris pejzaĝon, personon , historian scenon, preskaŭ ĉiam la resumon de la tuta ĉapitro kopiita de kodeksoskribisto.

Estimataj Instruistinoj!

Via laboro devas esti kia tiu de miniaturistoj.

La infano, kiun oni konfidas al vi, laŭ aĝo kaj animo, estas kvazaŭ litero, la ĉeflitero de tiu granda blanka kodekso skribota, nome, la vivo de homo.

Ĝuste tie, sur tiu malgranda homa litero, faru la laboron de artisto, ne de salajrocelaj uloj.

Desegnu, sur tiu senpeka koro, belegan bildon, kun ĉiuj nepraj linioj, kiuj forĝas noblulojn, kaj kun ĉiuj koloroj de la kristanaj sentoj, kiuj karakterizas la grandajn animojn.

Faru, ke la infanoj estiĝu malgrandaj homoj por ke, kiam ili fariĝos homoj, ne estiĝu infanoj grandaj.

*(Al tiuj, kiuj ŝatas bildoseriajn dosierojn ni rekomendas malfermi la paĝon http://www.npoint.com.br/sementeira/lamisiodeinstruistino.pps kaj surklaki la butonon "somente leitura" )*

# La alkemio de literaturo: Paulo Coelho en Esperanto

**Paulo Sérgio Viana**
*Lorena/SP*



Paulo Coelho estas polemika aŭtoro. Homoj amas liajn librojn, homoj ignoras – aŭ eĉ malamas – ilin. La aŭtoro mem sin alnomis "sorĉisto" (aŭ "magiisto"?), ekde sia alia verko "Taglibro de Sorĉisto". Oni akuzas, ke li agas kiel ruza propagandisto, kiu manipulas publikan opinion per trompoj kaj ŝajnigoj. Ĉu la publika opinio estas tiel naive stulta? Iujn faktojn ne eblas malakcepti: li magie atingas milionojn da legantoj en la tuta mondo, kontraktas milionule kun siaj eldonistoj, lanĉas librojn en Irano, frekventas la poŝon de usona eksprezidanto, aperas en amaskomunikiloj, elektiĝis en la Brazila Beletra Akademio, kaj baldaŭ verko lia transformiĝos en kinfilmon. Ĉu ne efektivaj mirakloj?




Ni tamen flankenlasu gradiozajn statistikojn kaj spektaklajn sukcesojn kaj provu rigardi la literaturon de Paulo Coelho tia, kia ĝi simple estas: literaturo. Persone, mi spertis kuriozan hazardon, kiam mi komencis legi mian unuan libron de Paulo Coelho, "La Alkemiiston", en Esperanta versio. Ĝi estis lanĉita en la jubilea 42-a Brazila Kongreso de Esperanto, en Rio, en julio 2007. La tradukinto, S-ro Carlos Valle, simpatie kaj modeste prezentis la libron, kun la interesa informo, ke la aŭtoro volonte rezignis pri aŭtorrajtoj, favore al Esperanta eldono. Scivolemo tiklis min. Fine mi legos verkon de tiu fama brazilano. Mi do dum kelkaj tagoj interrompis la longan legadon de "La Dia Komedio" de Dante Alighieri, kaj ekplonĝis en "La Alkemiiston", de Paulo Coelho. La kontrasto estis ŝoka! Kaj el tia ŝoka kontrasto aperis al mi kurioza, subtila kompreno pri la vera signifo de literaturo – tiu bonfara pluvo, kiu falas sur justulojn kaj maljustulojn, sur virtulojn kaj malvirtulojn, sur simplulojn kaj geniulojn. Mi iom pli bone ekkomprenis la valoron de literaturo (kaj de ĉia arto, ĝenerale): prilumi la spiritojn, de la plej infanaj ĝis la plej maturaj.

Ĉu oni povus diri, ke Dante estas pli bona ol Paulo Coelho? Mi asertas, ke ne! Pri literaturo (kaj arto) oni devus simple diri, kiel oni diras pri vinoj: plej bona vino estas tiu, kiun oni trinkas kun plej granda plezuro. Ne ekzistas tia pesilo, kiu taŭgus por mezuri la konsiston de literaturaĵo. Ĝi koncernas sentojn kaj pensojn, en si mem sensubstancajn, nome la plej valoran parton de ni mem.

Kion diri pri "La Alkemiisto"? Unue, ke la legado kaŭzas miron. Ne pro la enhavo mem de la verko, sed pro la granda furoro, kiun ĝi kaŭzis. Ĉar ĝi estas simpla, senpretenda kaj senornama rakonto pri junulo, kiu serĉas ian vivsencon, ian saĝon, ian internan prilumiĝon. Nenio tre speciala aŭ tre originala. Oni tamen legas paĝon post paŝo facile kaj eĉ agrable – en la senco, ke la ideoj ne postulas fortajn penojn kaj ne aperas malglataj aŭ lamaj. Nenio malbongusta, sed ankaŭ nenio franda. Al mistikemaj legantoj certe la ideoj pli plaĉas, ĉar la tutan rakonton insiste trapasas abstraktaj konceptoj pri "animo de la mondo", "serĉo de persona legendo", "ĉio estas unu sola afero", "la lingvo de la mondo", kaj similaj. Temas do pri mistertona serĉado al saĝo. Al malmistikemuloj kaj al pli postulemaj, filozofiemaj legantoj la verko eble malplaĉas, ĉar ĝia "mesaĝo" kuŝas iom malprofunda kaj senkonsista.

Sed oni klare rimarkas, ke la aŭtoro ne intencis verki filozofian traktaĵon, sed nur rakonti historion kun mistika fono. Simpla rakonto, plena je simboloj. Kaj oni nepre kalkulu inter la meritoj la ĉefan intencon de la verko: ekzalti amon kaj la neceson, ke homoj kontaktu sian plej internan memon por atingi pli riĉan psikan vivon. Kiu povus kontraŭi tiajn universalajn valorojn?

Kio pri la traduko? La Esperanta versio estas klara kaj facile legebla: neniu frazo aperis al mi konfuza aŭ dubsenca. Ĉi tio estas ja merito. Oni tamen rimarkas la influon de la portugala lingvo: "fari parton" (anstataŭ partopreni), "oferi" (anstataŭ proponi), "peti al" (anstataŭ peti de), "projekti" (anstataŭ plani), "konfidi" (anstataŭ fidi), "fari amikecon" (anstataŭ amikiĝi), "licenco" (anstataŭ permeso), "havi timon" (anstataŭ timi). Iom nekutimaj esprimoj ripetiĝas: "post iom", "post tiam", "en serĉo de". Kaj etaj gramatikaj stumbletoj enŝteliĝis. (Tial oni ĉiam klopodu, ke ankaŭ alilingva revizianto tralegu la tradukon, por garantio de internacieco.) Sed mi emfaze ripetas: la legado fluas klare kaj plaĉe. Oni povos facile elsarki malglataĵojn el dua eldono, ĉar espereble la Esperanta publiko rapide elĉerpos la unuan. Belan laboron faris la tradukinto, disponigante en nia lingvo "La Alkemiiston". Ĝi montras, ke la Esperanta kulturo konektiĝas kun la tutmonda inklino kaj liveras al ni la eblecon konatiĝi kun fama verko, kiu atingis "magian" sukceson.

(aŭguston, 2007)






**Sylla Chaves**
*Rio de Janeiro-RJ*

## LABAN' RICEVIS DE JAKOB'

Luiz Vaz de Camões
Tradukis Sylla Chaves

Laban' ricevis de Jakob', pro l' belo
de la filin', sep jarojn da labor';
laboris tiu ĉi por ŝi, ne por
la patro... nur ŝi estis lia celo.

Revante ĉiun tagon pri la helo
de unu tag', li havis en memor'
nur ŝin... sed lia rev' perdiĝis for:
premio estis Lio, ne Raĥelo.

Vidante la paŝtisto kompatinda,
ke pro la ruz' sen l' amatin' li restus,
kvazaŭ li ŝin ne estus meritinta,

ekservis pli sep jarojn, sen bedaŭro,
dirante: "Mi plu servus, se ne estus,
por granda amo, eta l' vivodaŭro."

• • • • • • • • • • • • • • • • •

## ANIMO DOLĈA MIA

Luiz Vaz de Camões
Tradukis Sylla Chaves

Animo dolĉa mia, forfluginta
tro frue de ĉi tiu viv' sen cel',
ripozu vi por ĉiam en ĉiel',
dum mi sur tero restas, bedaŭrinda.

Se en ĉielo estas akceptinda
memoro pri ĉi tiu viv-malhel',
vi ne forgesu pri la puro de l'
amflamoj, kiujn estis vi vidinta.

Se mi meritas, ke vi provu plue
balzami ĉi solecon, tiun ĉi
doloron senkuracan, vi unue

petegu al burĝon-falĉinta Di',
ke li min sendu por vin vidi frue,
samkiel frue prenis vin de mi.

# El la Esperanta Literaturo



TÁRKONY, Lajos (TOTSCHE, Ludoviko). 1902-1978. Hungaro; ŝtatoficisto en la financa ministerio. Naskiĝis en Budapeŝto. Esperantistiĝis en 1919; samjare aperis lia unua noveltraduko en "Hungara Esperantisto". Gvidis kursojn. Publikigis poemojn kaj recenzojn en "Literatura Mondo". Kunredaktoro de "Literatura Mondo", "Bibliografia gazeto" kaj "Lingvo-Libro". Konata recenzinto. Poemoj en Dekdu poetoj (1934).

"En 'De paĝo al paĝo' li kritike pristudis niajn ĉefajn verkistojn postmilitajn. Liaj kriterioj rifuzis la legolibran tradicion de niaj recenzistoj, kies kritikado estis plie lingva ol literatura. Jam estas tempo taksi serioze la verajn valorojn de nia literaturo, kaj la kritiko mem estu literatura formo: tia estis lia principa sinteno, kaj ĝi enhavis ankaŭ lian pretendon, ke nia literaturo jam liveras taŭgan materialon por kultureca kritiko." W.B. Johnson, Enciklopedio de Esperanto, 1934, p. 541-542

**Aliaj verkoj:**

*De paĝo al paĝo* (originalaj studoj pri la esperanta literaturo, 1932)
*Hungara antologio* (kontribuinto, 1933)
*Karinthy: Vojaĝo en Faremidon* (tradukitaj noveloj, 1934)
*Soifo* (originala poemaro, 1964).

Liaj verkoj publikigitaj antaŭ la Dua Mondmilito aperis sub la nomo Ludoviko Totsche. / William Auld en Esperanta Antologio, 1984. /Enciklopedio de Esperanto, 1934, p. 541.

## Triopa trista gard'

de Ludoviko TOTSCHE
en Dekdu poetoj, paĝoj 116-117

Okupas ĉambron la vesper'
En marŝo mola,
Envolvas ĉion sorĉa ret':
Silent' viola.

Al antipod' jam kuras la
Purpura sun-kaleŝ',
Mallaŭte zumas vent-vagul'
Tra la krepuska freŝ'.

De fore ondas tra l' fenestro
Sonorila tint',
Sur mont' kontraŭa lampoj vibras
Serpente ĝis la pint'.

Dancigas ombrojn sur la muro
La stratlanterna bril',
Fendas la nigron de l' ĉielo
Arĝenta lun-falĉil'.

Silento, solo kaj vespero:
Triopa trista gard'.
Ve, vane serĉas ion, iun
Post montoj la rigard'.

La pensoj ĝermas, velkas,
Kaj dronas en la mut'
Kaj pasas la senhalta Temp' ...
Ĉu horoj? Ĉu minut'?

Jen, nokton krias ie la
Horloĝ' kukola,
Dolor' ekveas en la kor',
Ĉar sola.

*Fonto: http://donh.best.vwh.net/Esperanto/Literaturo/Poezio/dekdu/totsche/gard.html*

## REZOLUCIO DE LA 92-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

La 92-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninta en Jokohamo (Japanio) de la 4-a ĝis la 11-a de aŭgusto 2007 kun 1901 partoprenantoj el 57 landoj, kun la temo "Okcidento en Oriento: akcepto kaj rezisto",

**Konstatinte**, ke ideoj kaj influoj moviĝas ambaŭdirekte inter "Okcidento" kaj "Oriento", sed ke pro la aktualaj neegalecoj tiu reciprokeco iĝis nevidebla,

**Konstatinte**, ke tiu sama kaŭzo malhelpas ankaŭ la fluon de ideoj kaj influoj inter aziaj landoj,

**Notinte**, ke tro rigidaj konceptoj pri "Okcidento" kaj "Oriento" malhelpas interlokajn dialogojn, kaj

**Notinte kun kontento**, ke la jaro 2008 estas proklamita fare de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj kiel Internacia Jaro de Lingvoj,

**Alvokas**, ke la rilatoj inter civilizoj kaj kulturoj baziĝu ne sur konflikto sed sur interkompreniĝo, justeco kaj paco,

**Konfirmas** la potencialon de Esperanto por interponti homojn de diversaj lingvoj kaj kulturoj,

**Atentigas** samtempe pri la akuta neceso konsciiĝi pri interkulturaj problemoj en kaj ekster la Esperanto-komunumo, kaj rilati kun instancoj kaj asocioj kiuj jam okupiĝas pri tiaj problemoj,

**Deklaras**, ke la ekesto de regiona kunlaboro ankaŭ en Azio kaj aliaj mondopartoj estas esenca antaŭkondiĉo por la plua disvolviĝo de Esperantaj agadoj tie,

**Esprimas** la senkondiĉan subtenon de la Esperanto-komunumo al vera plurlingvismo kiel rimedo por akceli unuecon en diverseco, kaj kuraĝigas esperantistojn energie labori por la plenumo de la celoj de Unuiĝintaj Nacioj por la Internacia Jaro de Lingvoj.

### STATISTIKO DE LA 92-a UK

Al la 92-a Universala Kongreso de Esperanto en Jokohamo aliĝis 1901 esperantistoj el 57 landoj. La dua UK en Japanio estis do pli multnombra ol la unua, kiu okazis en Tokio en 1965 kaj arigis 1710 aliĝintojn. En Jokohamo ĉeestis krome 160 personoj, kiuj aĉetis 196 unutagajn kartojn. La oficiala statistiko de UK-aliĝintoj, kiu aperas i.a. en la Jarlibro de UEA, tamen ne inkluzivas aĉetintojn de unutagaj kartoj.

Plej multe da kongresanoj, 1024, liveris la gastiganta lando Japanio. Minimume 10 aliĝintoj venis el Francio (94), Korea Respubliko (91), Germanio (62), Ĉinio (57), Litovio (49), Italio (46), Rusio (35), Pollando kaj Usono (po 34), Brazilo kaj Nederlando (po 32), Britio kaj Hispanio (po 24), Irano kaj Svedio (po 19), Finnlando, Kroatio kaj Svislando (po 18), Aŭstralio, Belgio kaj Bulgario (po 16), Ĉeĥio (12), Hungario kaj Israelo (po 11), kaj Slovakio kaj Vjetnamio (po 10).

*Fonto: GAZETARAJ KOMUNIKOJ DE UEA N-ro 267 - 2007-08-23*

Movimento

CADERNO COM O PANORAMA DO PROGRESSO DO ESPERANTO

ANO 5 – Nº 16 – 2007



# Longe de casa, mas perto do coração dos amigos asiáticos

A esperantista e membro da Associação Paulista de Esperanto, Aparecida Araújo, viajou recentemente para o Continente Asiatico, para participar de três grandes eventos esperantistas: um no Vietnã e dois no Japão.

Sua primeira parada foi em Hanói, no Vietnã, para participar do 63º Congresso Internacional dos Jovens Esperantistas (IJK).

De Hanói, sua próxima parada foi a cidade de Yokohama, no Japão, onde aconteceu o 92º Congresso Universal de Esperanto (UK) com a participação de 1710 esperantistas de 57 países.

Ainda no Japão, nas cidade de Kameoka, ela participou de um evento, organizado pela Associação Religiosa Oomoto, que deu as boas vindas a alguns dos participantes do UK.

Do Japão, nossa amiga seguiu vôo para a milenar e misteriosa China, onde passou 40 dias em companhias de amigos esperantistas.

Todo esse itinerário com muita aventura, em terras com costumes e línguas tão diferentes, só foi possível graças ao contato direto com alguns esperantistas dos lugares por onde passou.

De volta ao Brasil, muitas novidades, fotos e lembranças na bagagem para dividir com os amigos que ficaram e que, após ouvirem os relatos de viagem, certamente se sentirão motivados a estudar mais profundamente o Esperanto.

Leia um pouco sobre essa aventura, nas páginas 17-19 deste suplemento.

# ENCONTRO DE ESPERANTO NO VALE DO PARAIBA




Acorreu no dia 30 de setembro, na cidade turística de Caraguatatuba/SP, o 69º Encontro de Esperanto no Vale do Paraíba, com a participação de cerca de 50 pessoas. O evento aconteceu no auditório da Fundação Educacional e Cultural de Caraguatatuba (FUNDACC), situado na Rua Santa Cruz, 396 - Centro, Sob a organização do Dr. Mauríco Monken, Diretor da Liga Brasileira de Esperanto (BEL), com a ajuda do grupo esperantista local. Após a leitura da ata do Encontro anterior, pelo samideano Milton Serra, os visitantes ouviram palestras sobre o hino brasileiro (Prof. Sylla Chaves), meditação (Dr. Elmir Lima), astrofísica (Prof. Genildo Coelho), OVNI-s (Luiz Alberto Coelho) e sobre a viagem do adido da Organização Brasileira dos Jovens Esperantistas (Lucas Vignoli). Além disso, foi prestada uma homenagem à importante esperantista Elvira Fontes, recentemente falecida. Em seguida, o Presidente da Liga Brasileira de Esperanto, Prof. Passini, falou aos presentes sobre os trabalhos da Organização. Também prestou informações ao público o diretor interino da Seção Brasileira da Liga Internacional dos Professores Esperantistas, José Roberto Tenório, que na ocasião apresentou o quarto número da revista Brazilei, destinadas aos instrutores de Esperanto. Quanto à parte artística, números de canto, rap e a orquestra de jovens violonistas de Cuaraguatatuba fecharam o evento sob os colorosos aplausos dos participantes.



**Luíz Vaz de Camões**
*(1524 - 1580)*

**SETE ANOS DE PASTOR**
**Original de Luiz de Camões**

Sete anos de pastor Jacob servia
Labão, pai de Raquel, serrana bela;
mas não servia ao pai, servia a ela,
que a ela só por prêmio pretendia.

Os dias, na esperança de um só dia,
passava, contentando-se com vê-la;
porém o pai, usando de cautela,
em lugar de Raquel lhe deu a Lia.

Vendo o triste pastor que com enganos
assim lhe era negada a sua pastora,
como se a não tivera merecida,

começou a servir outros sete anos,
dizendo: "Mais servira, se não fora
para tão grande amor tão curta a vida."

A tradução deste soneto para em Esperanto enconta-se na pág. 8

# Querida Professora Elvira Fontes, Adeus!



Marcos Zlóv

No dia 25 de agosto passado o Esperanto perdeu em nosso planeta a importante "paca batalantino" ("batalhadora da paz") nossa querida e mestra Elvira Fontes (1916—2007). Tinha 91 anos de idade há pouco completados. Por profissão era professora de francês. Nunca casou-se nem teve filhos. Em nossa memória Elvira ficará eternamente como modelo de amor incondicional em particular à Associação Paulista de Esperanto (EASP) e, em geral, ao movimento esperantista brasileiro e, como um todo, ao Esperanto como encarnação de seus ideais generosos e fraternos que abraçam toda a humanidade.

Tendo se filiado à EASP em 24 de setembro de 1960, no mesmo ano que aprendera a língua e que já começara a ensiná-la, dedicou as demais décadas de vida sempre com fidelidade e dedicação exemplares a essa Associação, da qual se tornou um símbolo: quem pensava na EASP, pensava em "Dona Elvira" com seus sempre contagiantes sorriso, simplicidade e otimismo.

Exímia professora celebrada de nossa língua, sempre amável e carinhosa com todos, foi também incansável organizadora, seja dos Encontros Estaduais de Esperanto, seja como autora e editora de livros, a exemplo do didático "Unuaj Pasxoj" ("Primeiros Passos"), que persiste entre os mais senão o mais usado em todo o movimento esperantista brasileiro, bem como Survoje al Esperantujo ("Rumo ao Mundo do Esperanto"), para cursos adiantados.

Elvira participou na nossa EASP em todos os níveis, da qual foi professora, durante 4 décadas, do curso básico ao pedagógico (tive o privilégio de formar-me professor de Esperanto através dela, de cujas mãos amorosas recebi meu diploma e a inspiração para perseverar como esperantista). Elvira também foi presidente da Associação durante cinco mandatos (dez anos), sempre tendo como vice-presidente o saudoso orador esperantista Walter Francini (autor de "Esperanto Sem Preconceitos", entre outros livros). Eram uma "dupla dinâmica".

Na década de 1970 Elvira apresentou curso de Esperanto na televisão (pela TV Cultura) e colaborava na coluna semanal de Esperanto do jornal Diário Popular.

Um de seus "amores" foi a revista La Lampiro ("O Vagalume"), órgão oficial da EASP, tendo sido redatora durante muitos anos.

Tendo sido minha predecessora imediata na direção da ILEI-BR (Seção Brasileira da Liga Internacional dos Professores Esperantistas), de quem sempre recebi apoio e conselhos, organizava reuniões pedagógicas trimestrais da ILEI-BR e fundou e redigiu por quatro anos seu boletim Milde. Em nível nacional, cuidou das sessões examinatórias realizadas nos Congressos Brasileiros de Esperanto.

Elvira Fontes era membro honorário da Associação Paulista de Esperanto, da Liga Brasileira de Esperanto e da Associação Universal de Esperanto.

Como tradutora, os trabalhos que ocuparam seus anos finais de vida, foram as versões para o Esperanto (ainda não editadas) do Evangelho de Chico Xavier (de Carlos Baccelli) e de mais três livros de Sônia Café: O Livro das Atitudes e Meditando com os Anjos 1 e 2, sendo que, quanto a estes três últimos, Elvira fez esse trabalho maravilhoso a meu pedido para um projeto que desenvolvi, livros estes os quais, em honra a sua mais que querida, mais amada memória, temos compromisso de editar até o próximo ano.

Elvinjo, Elvirinha querida, onde quer que estejas desvendando outros mundos, recebe nossos carinhosos beijos e abraços e nossa eterna saudade!

Ĝis baldaŭ!

Zlóv

Brazila Esperanto-Ligo

## ELEITA A NOVA DIRETORIA DA BEL

Durante o 42º Congresso Brasileiro de Esperanto foi eleita e empossada a nova diretoria da Liga Brasileira de Esperanto e que é a seguinte:

**Presidente**: ex-reitor José Passini *(Juiz de Fora-MG)*

**Vice-presidente**: médico e tradutor Paulo Sérgio Viana *( Lorena-SP)*,

**Primeiro secretário e chefe do Escritório Central**: Carlos Maria *(Brasília-DF).*

**Segundo Secretário e principal responsável pela revista Brazila Esperantisto**: Francisco Stefano Wechsler *(Campinas-SP).*

**Terceiro secretário**: Alfredo Aragón *(Rio de Janeiro-RJ).*

**Diretor Financeiro**: João Osvaldo Pestana *(Brasília-DF)*

**Tesoureiro**: Maria das Dores Góis *(Brasília-DF)*

**Conselho Fiscal**:

Aymoré Vaz Pinto *(Brasília-DF)*
Eurípedes Alves Barbosa *(Brasília-DF)*
Wilson Álvares de Oliveira *(Brasília-DF)*

**Substitutos do Conselho Fiscal**:

Aloísio Sartorato *(Rio de Janeiro-RJ)*
Célio Freitas Martins *(Rio de Janeiro-RJ).*
Maurício Monken Gomes *(Caraguatatuba-SP).*

*Fontes: Carlos Maria (Brasília-DF). Sylla Chaves (Rio de Janeiro-RJ)*

## PROJETO ESPERANTISTA PROMETE ANIMAR O CARNAVAL 2008

A Liga Brasileira de Esperanto (BEL) pretende iniciar o Projeto BEL-Conferências. A proposta da nova diretoria da instituição é realizar uma série de palestras com temas e expositores criteriosamente selecionados. Segundo o idealizador do projeto, o médico Paulo Sérgio Viana, a iniciativa tem como objetivo aumentar o padrão cultural do esperantista brasileiro, bem como seu domínio do idioma. A primeira edição das conferências ocorrerá nos dias 3 e 4 de fevereiro de 2008, na cidade paulista de Lorena, contanto que haja ao menos 20 inscritos. Planeja-se publicar um livreto com os textos das palestras para ser enviado a todos os associados da Liga Brasileira de Esperanto. Interessados podem inscrever-se pelo endereço psviana@terra.com.br.

*Informou Fabiano Henrique*



## SANGUE NOVO NA ACADEMIA DE ESPERANTO

A Academia de Esperanto tem nova diretoria. A informação foi divulgada pelo site da entidade nesta sexta-feira (14/09/2007). O professor inglês John Wells foi eleito presidente. O cargo de vice coube ao indiano Probal Dasgupta . A Academia de Esperanto foi criada em 1905, com o nome de Lingva Komitato. Sua função é acompanhar a natural evolução do idioma, procurando preservar seu fundamento.

*Informou Fabiano Henrique*

